REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FONDEE en 1908, 3e SERIE
35e ANNEE - N° 245 - JUIN 1967

FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : 770.55.03

# D-ro André Albault, nia nova Prezidanto



La Kongreso en Calais signas la komenciĝon de nova etapo en la evoluo de nia franca Movado : post dek jaroj da prezidanteco, S-ro Llech-Walter ĉesigis sian funkcion kaj de nun, lin anstataŭas S-ro D-ro André Albault.

Ĝenerale, oni prezentas la novan Prezidanton, sed pri D-ro Albault, kiu tiel sindoneme kaj grandskale laboras inter ni de pluraj jaroj, estas tute alia afero ! Lia famo trairis la limojn de nia lando ĉar li rolis kiel Estrarano de U.E.A kaj ĉe la Akademio de Esperanto, kiel Direktoro de la Sekcio « Vorttrezoro ». Lia modela agado por nia afero montriĝis ankaŭ sur aliaj kampoj: prelegoj, gvidado de kursoj, verkado de libroj, speciale de lia bonega Dictionnaire Français-Esperanto (kunlabore kun s-ro Léger). Jes, nia nova Prezidanto jam faris multon por Esperanto ; sekve, ni atendas multon de lia gvidado ĉe la plej alta posteno en nia Asocio.

En tiaj cirkonstancoj, estas kutime danki kaj adiaŭi la forirantan Prezidanton ; ĉiuj volas danki S-ron Llech-Walter pro ĉio, kion li plenumis kaj ofte en tre malfacilaj cirkonstancoj. Sed certe ĉiuj rifuzas adiaŭi lin kaj male, tre deziras, ke kiel Honor-prezidanto de U.F.E. kaj kiel sincera Amiko de nia Idealo, li restu kaj daŭre luktu kun ni ĝis la plena venko de Esperanto, kies progresigon li sekurigis en nia lando.

Gratulojn kaj dankojn al niaj du Prezidantoj, jen la sento, kiujn ĉe la sojlo de tiu nova etapo, ĉiuj U.F.E.-anoj volas esprimi.

Alia modifo en la U.E.F.-Estraro : S-ro Daniel Chagnoux fariĝis Honora Vic-Prezidanto de nia Asocio ; la iom malnovaj Esperantistoj ne sen emocio memoros la gigantan laboron plenumitan de S-ro Chagnoux precipe favore al U.E.A. kaj esprimos al li kaj al S-ino Chagnoux multajn bondezirojn pri bonfarto kaj feliĉo.

F. E.

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X^e - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. André RIBOT**, 11, rue P.-Vergne, 47 - MARMANDE. — Tél. 730.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## Quelques-unes des personnalités françaises patronnant l'action d'information sur l'Espéranto

M. **Maurice GENEVOIX**, de l'Académie Française ;
M. **Jean ROSTAND**, de l'Académie Française ;
M. **Charles MAURAIN**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Maurice FRECHET**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Jean WYART**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Charles CAMICHEL**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Georges AURIC**, de l'Académie des Beaux-Arts ;
M. **Jean CHARBONNEAU**, général, de l'Académie des Sciences Coloniales ;
M. **Pierre ESCOUBE**, Conseiller-Maître à la Cour des Comptes ;
M. **Henri BAÏSSAS**, Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **Paul MAUREILLE**, Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **André ALLIX**, Recteur d'Académie ;
M. **Maurice BAYEN**, Recteur d'Académie ;
M. **Emile DELAGE**, Recteur d'Académie ;
M. **Paul DOTTIN** (†), Recteur d'Académie ;
M. **Paul GERVAIS**, Inspecteur principal (Service Académique Jeunesse et Sports) ;
M. **René COUTEAUX**, Professeur à la Faculté des Sciences ;
M. **André CAILLEUX**, Professeur à la Faculté des Sciences.

## CONSEIL DU MOIS

Que pourrions-nous ajouter aux propos de notre Président dans notre précédent numéro ? Pour de multiples raisons, notre Association a besoin de doubler le nombre de ses membres, autrement dit d'arriver à 3.000. Déjà, nous vous avions demandé d'augmenter sensiblement le nombre des abonnés à notre Revue (certains ont déjà réagi favorablement, qu'ils en soient remerciés !)

Mais les deux demandes se confondent en une seule ; alors, redoublons d'efforts pour porter à 3.000 le nombre des abonnés-membres, car le jour où ce chiffre sera atteint, nous pourrons accomplir de véritables tours de force... et souvenez-vous que le plus bel idéalisme c'est celui qui met tout en œuvre pour parvenir au but pour lequel le Dr Zamenhof a tout sacrifié.

A. R.

**C.E.D. INFORMAS :**

## ESPERANTO-ELSENDOJ EN 1966

En la jaro 1966 regule disaŭdigis programojn en la Internacia Lingvo jenaj radio-stacioj :

1. Wien (Aŭstrujo). — 2. Muritiba ; 3. Resende ; 4. Teresina ; 5. Uberlandia (Brazilo). — 6. London (Britujo). — 7. Sofia (Bulgarujo). — 8. Praha (Ĉeĥoslovakio). — 9. Pekino (Ĉinujo). — 10. Guatemala (Gvatemalo). — 11. Bilbao ; 12. Madrid ; 13. Valencia (Hispanujo). — 14. Budapest (Hungarujo). — 15. Roma (Italujo). — 16. Beograd ; 17. Zagreb (Jugoslavio). — 18. Hilversum N.C.R.V. ; 19. Hilversum V. A.R.A. (Nederlando). — 20. Wellington (Novzelando). — 21. Gdansk ; 22. Warszawa (Pollando). — 23. Bern (Svislando).

Entute 23 radio-stacioj en 15 landoj kompare kun 25 stacioj en 13 landoj en la jaro 1965.

Laŭ la statistiko, kiun faris la Centro de Esploro kaj Dokumentado, tiuj radio-stacioj entute elsendis 2.290 programojn, kiuj daŭris 769.30 horojn, kompare kun 1.807 programoj en la daŭro de 662.50 horoj en la jaro 1965.

Pluraj aliaj radio-stacioj disaŭdigis sporade programojn en Esperanto kaj multaj havis elsendojn pri la Internacia Lingvo, precipe en ligo kun la transdono al Unuiĝintaj Nacioj de la Propono por la solvo de la lingva problemo en la internaciaj rilatoj pere de la neŭtrala Internacia Lingvo.



(Photo Studio Actualités — Calais)

**Les congressistes devant l'Hôtel-de-Ville de Calais. A droite de notre Président, M. Jacques Vendroux, député-maire de Calais et membre du Parlement Européen. A sa gauche, M. Paul Zerkovitz, sous-préfet de Calais ; entre MM. Vendroux et Llech-Walter, M. Lucien Pickaert, inspecteur d'Académie adjoint.**

# 59-a NACIA KONGRESO

## UNUA LABORKUNSIDO DE U.F.E.

### Dimanĉon la 14-an de majo 1967.

La kunsido estas malfermita per bonvenigaj vortoj de s-ro Buerick, prezidanto de la Kaleza Grupo. Sekvas s-ro Odent, prezidanto de N.F.E.F., nome de ĉiuj esperantistoj de Norda Francujo : li akcentas, ke la nuna Kongreso okazas en la urbo de la Unua Zamenhofa Renkontiĝo.

S-ro prezidanto Llech-Walter nome de U.F.E. bonvenigas la eksterlandajn reprezentantojn ;

— s-ro Athinson, oficiala reprezentanto de la Sudorienta Brita Federacio kaj de Brita Esperanto-Asocio legas salutleteron de s-ro Leslie kaj d-ro Cavanagh (sekretario kaj prezidanto de B.E.A.) ;

— s-ino Hansen salutas nome de Dana Esperanto-Asocio ;

— s-ro Pilger nome de la Nederlanda Asocio ;

— s-ino Giloteaux por la Germana Esperanto-Asocio ;

— s-ro Mukadi reprezentas la Afrikan Esperanto-Grupon Belgan.

Sekvas la festparolado de d-ro A. Albault, vicprezidanto de U.F.E. : li salutas Kalezon, kiel urbon historian kaj esperantistan, sed ĉu la parolado povas esti festa, kiam nun oni konstatas, ke la partoprenantaro limiĝas je 130 (200 en iama renkontiĝo) kaj la ŝtata subvencio fariĝas duba ?

La prezidanto Llech-Walter dankas al la organizantoj kaj Honora Komitato ; kaj li legas poste la senkulpigajn leterojn de P. Babin, P. Berlot, P. Marly, J. Asquéri, J. Dettwiller, J. Chapellier, J.-P. Colnot, A. Chaigneau, Lemaire, Frangeul.

Speciala komisiono estas elektita por kontroli la nombradon de la voĉoj : J. Thierry, P. Royer, Jullien (protokolo ĉi-poste).

Post akcepto de la kongresa protokolo de Agen sekvas debato pri la jarraporto 1966.

S-ro Boyet, reprezentanto de G.E.E., prezentas kritikan studon pri la tiklaj punktoj, al kiu respondas s-ro J. Guillaume, ĝenerala sekretario : oni konstrue proponu solvojn kaj sin mem por pozitivaj taskoj.

S-ro Rousseau, kasisto, prezentas la financan raporton, kiun komentas P. Royer, respondante al la atakoj de G. Gouget. Pri ĉi tiu punkto intervenas s-ro R. Bernard por peti, ke ĉiuj rebatoj al la argumentoj de Gouget estu plene kaj klare publikigitaj en F.E. La prezidanto Llech-Walter esprimas la bedaŭron, ke kelkaj malŝparas monon, anstataŭ progresigi la movadon.

Estas prezentita la buĝeto por 1968. La prezidanto Llech-Walter klarigas, kial U.F.E. nun ne ricevas ŝtatan subvencion : transdono de la dosiero de la Ministrejo pri Junulaj Aferoj kaj Sportoj al la Ministrejo pri Klerigado.

S-ro Boyet raportas pri la funkciado de la Kultura Semajno.

S-ro Ribot pri F.E. petas, ke oni sendu klarajn kaj koncizajn artikolojn. Oni sugestas, ke kritikoj aperu en « Libera Tribuno » ; ĉi-rilate s-ro Boyet proponas, ke la eventualaj plendantoj sendu siajn kritikojn al li, kaj li zorgos pri sintezoj aŭ aperigoj. S-ino Gibez, reprezentantino de la Rodana Federacio, petas, ke F.E. ne estu luksaĵo sed vere ludu sian rolon de tutnacia interligilo.

S-ro Debande nome de G.E.E. raportas pri instruado de esperanto en lernejoj.

La prezidanto Llech-Walter laŭtlegas leteron de la vicprezidanto Rougetet, kiu letero klarigas la nunan situacion ĉe la Ministrejo kaj proponas tekston sendotan al G-lo De Gaulle.

S-ro Stuit (el Arras) proponas ekzempleron de « La Dia Komedio » de Dante por donaco al s-ro la Urbestro.

⁂

OFICIALA AKCEPTO DE S-RO JACQUES VENDROUX, DEPUTITO-URBESTRO DE KALEZO.

Sinsekve alparolas la kongresanaron s-ro la Urbestro kaj s-ro la Vicprefekto kun esperanta traduko de d-ro A. Albault. Respondas la prezidanto Llech-Walter, la prezidanto Buerick kaj la prezidanto Odent. Donacoj estas faritaj : gravurita medalo de la urbo Kalezo al la prezidanto Llech-Walter kaj ekzemplero de « La Dia Komedio » al la urbestro s-ro Vendroux.

—o—o—o—

## DUA LABORKUNSIDO DE U.F.E.

### Lundon la 15-an de majo 1967.

La prezidanto Llech-Walter malfermas la kunsidon kaj donas la parolvicon al s-ro Thierry, kiu nome de la voĉdona komisiono prezentas la rezulton de la balotoj. (protokolo ĉi-poste).

D-ro A. Albault prezentas siavice la laboron de la komisiono pri kotizo-pagoj : tiu ĉi konsistis el jenaj membroj : A. Albault, A. Bourdeaux, F. Boyet, G. Debande, P. Royer, J. Thierry ; stariĝis du projektoj, kaj la komisiono elektis la plej bonajn sugestojn el la du (rezolucio ĉi-poste). F.E. laŭ peto de s-ro Giloteaux aperigos samtempe kaj la diversajn tarifojn de la kotizoj kaj la poŝtĉekajn kontojn de la Federaciaj Kasistoj. Cetere, ĉiu membro donu informcele siajn aĝon kaj profesion.

S-ro R. Thierry, prezidanto de F.E.I. prezentas la jaran raporton de la Instituto : li aparte substrekas la bezonon de superaj kursoj, por ke pli multiĝu la nombro de kursgvidantoj.

S-ro Courtois anoncas venontan kongreson de esperantistaj studentoj, kiu okazos en Aix-en-Provence, kaj s-ro Stuit tiun de junularo en Prago.

S-ro A. Bourdeaux parolas pri informado : ni celu al 2.000 membroj. Estas rekomendate al ĉiu membro abonigi dek personojn al « Espéranto-Actualités ».

La prezidanto Llech-Walter starigas la demandon : kiam kaj kie la venonta kongreso de 1968 ? Estas proponite, ke ĝi okazu dum la paska periodo. S-ro J. Thierry raportas pri propono de la Germana Esperanto-Asocio, nome organizi komunan kongreson du — aŭ tri — nacian kun apartaj kunsidoj por la asocioj. La propono estas favore akceptita kaj estos do studita por 1969.

Post dankesprimoj al la organizantoj la prezidanto Llech-Walter fermas la kongreson.

La protokolinto : Jacques DOYELLE.

—o—o—o—

## PROTOKOLO DE LA VOĈDONA KOMISIONO

La Kongreso elektis komisionon, konsistantan el s-roj Jullien, P. Royer kaj J. Thierry, komisiitan prizorgi la nombradon de la voĉdonoj.

Jen ĉi-sube la rezultoj kontrolitaj de la komisiono.
Voĉoj registritaj : 1.453.
Voĉoj esprimitaj : 1.183.
Plimulto : 592.

1-a demando : ĉu vi aprobas la agadan raporton de 1966 ?
Voĉoj por 1.180 kontraŭ 1 sindetenaj 2
(Aprobita)

2-a demando : ĉu vi aprobas la financan raporton de 1966?
a) pri la kontoj ?
Voĉoj por 1.182 kontraŭ 1 sindetenaj 0
(Aprobita)
b) pri la destino de la jarprofito ?

Voĉoj por 988 kontraŭ 95 sindetenaj 100
(Aprobita)

c) pri la federaciaj kotizoj ?
Voĉoj por 393 kontraŭ 502 sindetenaj 288
(Ne aprobita)

3-a demando : elekto de konsilianoj

| Kandidatoj | voĉoj por | kontraŭ | sindetenaj | |
|---|---|---|---|---|
| A. Bourdeaux | 1.182 | 1 | 0 | (Elektita) |
| J. Manceau | 1.182 | 1 | 0 | (Elektita) |
| A. Ribot | 1.136 | 1 | 46 | (Elektita) |
| G. Rougetet | 1.182 | 1 | 0 | (Elektita) |
| J.-A. Rousseau | 1.182 | 1 | 0 | (Elektita) |
| J. Vincent | 1.182 | 1 | 0 | (Elektita) |
| F. Ditacroute | 1.182 | 1 | 0 | (Elektita) |
| P. Royer | 1.182 | 1 | 0 | (Elektita) |

La komisiono krome registris por venontaj elektoj la kandidatiĝojn de : f-ino Boiton, s-ro F. Boyet kaj s-ro Nels, kandidatiĝojn tro malfrue prezentitajn por la ĉi-jara elekto.

Farita en Calais, la 14-an de majo 1967,
la protokolinto : J. THIERRY.

—o—o—o—

## KONSILIAJ KUNSIDOJ EN CALAIS

Ĉeestas s-ro R. Llech-Walter, prezidanto ; s-roj A. Albault, R. Bernard, A. Bourdeaux, F. Boyet, J. Guillaume, A. Ribot, J.-A. Rousseau, P. Royer kaj J. Thierry.

Senkulpigitaj : s-ino J. Vincent, s-roj Aisberg, J. Asqueri, P. Babin, Berlot, J. Chapellier, J. Dettwiller, J. Manceau, R. Martin, Poly, G. Rougetet.

La konsilianoj kunvenis trifoje : sabaton vespere, dimanĉon posttagmeze kaj lundon matene : ĉi-sube sekvas konciza raporto.

**Kongreso.** — Estas akceptita la tagorda propono, legitaj la leteroj de konsilianoj kaj raportoj de grupoj.

**Financoj.** — Diversaj buĝetaj eroj estas studitaj cele al plano por 1968. Konsidere al la fakto, ke ankoraŭ ne alvenis certigo pri la subvencio de la Kultura Semajno, estas antaŭvidita kromelspezo de ĉ. 1.600,00 Frj. S-ro Roger Bernard proponas kreon de speciala fonduso por certigi la Kulturajn Semajnojn kaj tuj donacas 100,00 Frjn ; same faras s-ro R. Llech-Walter. Do jam 200,00 Frj por ĉi tiu fonduso.

**Kontrevizantoj.** — S-roj Gaudry kaj Nels, ambaŭ parizanoj, akceptas la postenojn.

**Cirkulero de s-ro G. Gouget.** — S-ro P. Royer responde reĝustigos la misprezentojn antaŭ la kongreso.

**Informado.** — Post legado de letero de s-ro G. Rougetet sekvas raporto de s-ro A. Bourdeaux. Por « Espéranto-Actualités » estas atingebla eldono de 10.000 ; por « Franca Esperantisto » estus dezirinde kolekti pli multe da reklamoj.

**Kultura Semajno.** — Malgraŭ la riskoj ne ricevi subvension estas principe decidita la daŭrigo, por 1968.

**Nacia Kongreso.** — Laŭ propono de s-ino Vincent la organizo de la venonta kongreso okazos dum Pasko por faciligi partoprenon al la geinstruistoj.

**Membraro.** — S-ro A. Bourdeaux proponas, ke ni ĉiuj streĉu niajn fortojn por atingi la nombron de 2.000 membroj en 1968.

**Rezolucio de P. Royer.** — Neniu federacio akceptis la proponon, sed Tuluzo faris projekton, kiu estis diskutita en aparta komisiono ; estas espereble, ke de nun la federacioj ludos pli fortan rolon en la organizo de la Unuiĝo : tio estis la celo de la rezolucio de P. Royer.

**Universala Kongreso.** — S-ro Llech-Walter raportas pri sia aranĝo de ŝipveturo al Israelio : jam estas 60 aliĝintoj.

**U.E.A.** — Estas konfirmita la elekto de tri A-komitatanoj de U.E.A., nome : s-roj J. Guillaume, R. Llech-Walter kaj J.-A. Rousseau, kiuj kutime ĉeestas la universalajn kongresojn.

**Eldonaĵo ABC.** — S-ro Roger Bernard raportas pri la baldaŭa reeldoniteco de la libreto.

**Franca Esperanto-Instituto.** — Ĉiuj nunaj membroj estas plue elektitaj : 9 membroj por U.F.E.

**G.E.E.** — Estas dezirinde, ke ĉi tiu grava fako havu reprezentanton en la Konsilio de U.F.E. : d-ro A. Albault proponas, ke oni elektu s-ron F. Boyet kiel alelektitan membron ; efektive restas ankoraŭ unu posteno en la Konsilio.

**Estraro de U.F.E.** — Post dek jaroj da aktiveco, s-ro R. Llech-walter sciigas, ke li volonte transdonos la prezidantecon en pli junajn manojn. D-ro A. Albault deklaras, ke li estas preta aranĝi novan estraron, kiu post debato estas starigita : prezidanto, d-ro A. Albault ; vicprezidantoj : s-roj F. Boyet, J. Guillaume, G. Rougetet, J. Thierry ; ĝenerala sekretario : A. Bourdeaux ; helpsekretario : P. Royer ; kasisto : J.-A. Rousseau. La redaktoro de la revuo estas s-ro A. Ribot.

S-ro D. Chagnoux estas elektita honora vicprezidanto, kaj s-ro R. Llech-Walter honora prezidanto ; ĉi tiu tamen konservos efektivan partoprenon en la laboro de la estraro (koncerne la karavanojn kaj la Kulturajn Semajnojn).

**Rezolucio de S-ro Dettwiller.** — Ĉi tiu rezolucio estas unuanime deklarita nericevebla surbaze de la 2-a paragrafo de la statuto de U.F.E., kiu tekstas pri neŭtraleco de la movado rilate politikon.

**Letero de S-ro P. Lobut.** — Ĝi koncernas lingvan temon, pri kiu estis jam farita rezolucio en la kongreso de 1962, kaj libron, kiu ne apartenas al la eldonaĵoj de la Unuiĝo.

**Nova materialo.** — Estas decidite aĉeti novan skribmaŝino kaj enketi pri Varityper.

La protokolinto : J. GUILLAUME.

—o—o—o—

Dum la 59a nacia kongreso, kiu okazis en Calais, la kultura distra parto estis unu el inter multaj aliaj agrablaj momentoj, kiujn ni havis la plezuron partopreni.

Mi ĝuis tie tre kortuŝan momenton, aŭdante tutan ĉarman bukedon da agrablaj junaj fraŭlinoj, kiuj laŭvice deklamis fablojn el nia franca repertuaro.

La freŝaj junaj agrablaj voĉoj montris, ke Esperanto ankoraŭ pli bele kaj agrable sonoras, kiam ĝi estas parolata de junaj samideaninoj.

Post la prezentado de tiuj deklamantinoj, venis tre atendita konkurso pri elokventeco. La sola ombro ĉe tiu prezentado estis la manko de multnombraj kandidatoj, nur du samideanoj kuraĝis ĝin partopreni.

Estis malfacile elekti la pli bonan, ĉar ambaŭ ili flue kaj agrable majstris nian lingvon. Tamen necesis kuraĝe voĉdoni. La rezultato estis akceptita gaje kaj la aplaŭdoj de la multnombraj ĉeestantoj komprenigis al la kuraĝaj partoprenantoj, kiom ilia babilado plezurigis ĉiujn.

Por konkludi, tiu kultura distra parto regalis agrable la intelekton de tiu agrabla popolo, kies nomo estas Esperantistoj.

Gavo DRAVI.

# Enquête sur le plan national

Les avis sont partagés !... Les uns pensent que l'espéranto triomphera par la base, les autres, par le sommet... Si M. de Lapalisse était membre de l'U.F.E., il nous dirait sans doute que l'espéranto sera bien près de triompher le jour où une décision officielle lui aura ouvert la porte de l'Université. Alors, les conjonctures de l'heure présente, paraissant favorables, voulez-vous que, nous menions très rapidement l'enquête qu'a commencée notre Président dans son département ?

Il s'agit d'écrire aux députés de votre département et de leur demander s'ils seraient éventuellement prêts à soutenir un projet de loi devant la Chambre, pour l'instauration d'un enseignement officiel et facultatif de l'espéranto.

Dans notre Revue, nous publierons simplement le nom de ceux d'entre vous qui auront reçu des réponses positives et qui voudront bien nous les communiquer. Pour des raisons d'opportunité, et pour éviter le retour d'initiatives hostiles de la part d'adversaires de notre langue, nous ne publierons aucun nom de député ni de département.

Voudriez-vous agir de suite avant même de partir en vacances ? Cela nous permettrait ainsi de prendre des mesures utiles pour l'année 67-68. Prière d'envoyer vos réponses à notre siège nationale, 34, rue de Chabrol, Paris-10e.

A. R.

# PRI LA TRADUKKONKURSO

Antaŭ pluraj jaroj, nia Revuo proponis al siaj legantoj tre instruriĉan Tradukkonkurson, pri kiu ni devis rezigni pro granda laboro ĉe la Tricpo, kiu zorgis pri ĝi.

Hodiaŭ, ni ĝojas informi vin ĉiujn, ke dank'al la senlima sindonemo de S-roj Roger Bernard, Generala Sekretario de la Akademio de Esperanto kaj Jean Thierry, Prezidanto de l' Franca Esperanto-Instituto, tiu Tradukkonkurso reaperos en nia Revuo, ek de la venonta oktobro.

Niaj Amikoj Roger Bernard kaj Jean Thierry bonvolu akcepti la dankesprimon de ĉiuj legantoj de nia Revuo por la tre ŝatinda servo, kiun ili bonvolis surpreni.

# *JARLIBRO de U. F. E.*

D-ro Albault, la nova Prezidanto de U.F.E., planas la kreon de Jarlibro por nia asocio. Tiu jarlibro entenos interalie la adresojn de la diversaj funkciuloj de la asocio, la adresojn de la federacioj aliĝintaj aŭ ne al U.F.E., la adresojn de la reprezentantoj en Francio de diversaj internaciaj Esperanto-organizoj kaj ankaŭ la adresojn de la diversaj fakoj aliĝintaj aŭ ne al U.F.E. Tiujn adresojn sekvos praktikaj informoj (kotizoj, abonoj, ĉekkontonumeroj). La koncernaj informoj kiel eble plej rapide atingu D-ron Albault (32 av. Et. Billières, 31 - Toulouse - 03) ; la informoj, kiuj alvenus post la fino de Junio tre riskus ne povi esti konsiderataj.

# ĈU VI ESTAS KAPABLECULO ?

Ni supozu... ke la Ministro pri Nacia Edukado subskribas hodiaŭ mem la dekreton dank'al kiu Esperanto estos instruata en ĉiuj lernejoj ; tuj, ni bezonus almenaŭ 2.000 geinstruistojn por nia lingvo !

Kio okazus ?... Nu, ni devus plej malfiere konfesi, ke almenaŭ 1.950 el ili mankas. Ĉu imageble, ke post 60 jaroj da senĉesa strebado, por ricevi tiun kontentigon, ni ne kapablus organizi tiun instruadon ?

Sekve, jam nun, ni pretiĝu por la tago, kiam granda nombro da geinstruistoj estos bezonataj ; tiucele kaj senprokraste, preparu la Ateston pri Kapableco en Grezijono, dum unu el la jenaj staĝoj :

a) de la 2a ĝis la 23a de Julio
b) de la 6a ĝis la 27a de Aŭgusto.

... kaj por labori pli agrable, kunprenu amik(in) on.

# Potencigi la francan movadon !

Dum nia Nacia Kongreso en Calais, S-ro D-ro Albault, faris festparoladon tiom pli rimarkinda, ke, al la kutima plezuro aŭskulti nian Amikon, aldoniĝis tre riĉa kaj pripensinda enhavo. Ni volus publici la tutan paroladon, kiel lingvo-modelon kaj estontan programon, sed tio neeblas. Ni provu citi la ĉefajn trajtojn, kun la espero, ke ĉiu leganto de nia Revuo trovos aginstigon en tiuj konsiloj... kaj ke ni ne tro perfidos la penson de la Oratoro.

1) Unuiĝi en la vicoj de U.F.E. : La Esperantistoj estas tre grandnombraj en nia lando, sed multaj aliĝis al neniu Asocio, kies kapabloj sekve estas ne sufiĉaj. Ampleksa grupiĝo de ĉiuj homoj, kiuj aprobas la ideon de Internacia Lingvo estas pli ol iam antaŭe necesega !

2) Levi la nivelon de la lingvokono : Kion signifus aliĝi al U.F.E. kaj aprobi ĝiajn celojn, se oni ne korekte parolus la Internacian Lingvon ? Estas maltrankviliga konstato, ke pli kaj pli malaltiĝas la nivelo de la lingvokono. Sekve, drasta reago kontraŭ tiu danĝera malsano devas esti la unua celo por ni ĉiuj.

3) Uzi pli grandskale la bonegan « Esperanto-Actualités » ĉar estas apenaŭ imagebla la nombro de la nesciantoj pri Esperanto. Senlace, senĉese, ĉiurimede informi la ĝeneralan publikon tia estu nia unua tasko.

4) Ampleksigi la nombron de la kursoj kaj en lernejoj, kaj en vesperkursoj. Estas hontinde, ke en multaj el niaj departementoj, eĉ ne unu kurso funkcias !

5) Por tiuj kursoj, trovi kursgvidantojn, kies lingvokapablo estas almenaŭ tiel granda kiel ilia sindonemo. Tiucele, ekzistas E. Ekzamenoj kaj nome la Atesto pri Kapableco : nenia kontentiga kurso sen bona regado de la lingvo !

6) Krei Pedagogian Komisionon por la vesperkursoj. Pri tio zorgos verŝajne la U.F.E. Komitato aŭ GE.E., cele de plimultigo de la kursoj, ek de la venonta oktobro ; en pluraj urboj, ekzistas sindonemaj, samideanoj sed ili ofte ne kuraĝas komenci... Precipe intence de ili, agados tiu Komisiono.

7) Por levi la lingvokonon, nenia pli konsilinda rimedo ol la praktiko de Esperanto kaj la legado. D-ro Albault konsilas aĉeti unu libron ĉiumonate kaj ĝin legi, kompreneble ! Ĉu tri paĝoj da ĉiutaga legado estas tiel temporaba ?

8) La korespondado kun alilandaj samideanoj kaj grupoj pere de magnetofonaj bendoj estas tre konsilinda ĉar ĝi montriĝas samtempe interesa, kleriga kaj lingvoriĉiga.

9) En nia Movado, jam ekzistas multaj iniciatoj, sed ili ĝenerale estas ne sufiĉe uzataj ; laŭgrade INTENSIGI NIAN AGADON SUR ĈIUJ KAMPOJ, tia estas la konkludo de tiu tro mallonga resumo de la parolado de S-ro D-ro Albault.

A. R.

# Charles BRUNET

La Grupo de Bordeaux kun doloro jus perdis veran apostolon de Esperanto, Sron Brunet, kiu estis unu el la fondintoj de nia loka centro en 1902, la lasta vivanto, kasisto de la grupo dum proksimune 50 jaroj, poste vic-prezidanto. Li estis 92 jara.

Li estis honora kaj porviva membro de U.E.A. kaj dum multaj jaroj delegito.

Li partoprenis la unuan universalan kongreson en Boulogne-sur-Mer en 1905, kaj kiel ĉiuj ĉeestintoj revenis entuziasmigita.

Kiel grupano li estis vigla animanto, kun multe da « humana varmo », tre agema por kunlabori en la preparo de propagandaj manifestacioj. Okaze de tiaj kunvenoj li verkis du komedietojn : « Oni ofte bezonas pli malgrandan ol si » kaj « La Fulmofrapo : tiun lastan oni ludis ankaŭ dum la Nacia Kongreso de Bordeaux en 1934.

Li tre flue parolis nian lingvon kaj instruis ĝin en komonuma lernejo kaj. je la komenco de la radio-elsendoj, en privata Bordeaux-a posteno.

Por distri la grupanojn, li organizis dum multaj jaroj en la Bordeaux-a regiono ekskursojn, kiuj utilis al la propogando dank'al la partopreno de neesperantistoj.

Lia ĉefa kvalito estis la imago, Ne nur li verkis la du komedietojn jam cititajn, sed li facile kreis vortludojn, rebusojn, anagramojn, krucvortojn, senditajn al esperantaj gazetoj Unufoje li sendis esperantajn rebusojn al neesperantista gazeto, kiu publikigis ilin. Okaze de nia ekspozicio de esperantaj libroj en 1957 li imagis konkurson, kiu multe helpis al la sukceso pri esperantaj nomoj de bestoj pentritaj sur la vandoj de la Ĉambro.

Kompreneble Sro Brunet efike laboris en la preparo de la du naciaj kongresoj okazintaj en Bordeaux en 1934 kaj 1958, kaj ĉeestis ĉiujn regionajn kongresojn, unue de 1910 al 1913 en Villeneuve-sur-Lot, Limoges. Bordeaux kaj Toulouse, poste de 1952 al 1955 en Marmande, Langon, Jonzac kaj La Réole.

Kiel delegito de U.E.A. li akurate plenumis sian taskon, rezervigante ĉambrojn en hoteloj por niaj vizitantoj, organizante promenadojn en Bordeaux kaj manĝojn en restoracioj por grupoj de alilandaj turistoj. Li helpis u.e.a. en la serĉado de francaj kaptitoj dum la unua mondmilito : tion atestas Sro Lapenna en sia verko « La Lingvo Internacia ».

Granda laborinto por Esperanto malaperas. Ni ne forgesos lin.

# Rotterdam anstataŭ Tel-Aviv

Pro la tragika evoluo de la eventoj en la Meza Oriento, la Estraro de U.E.A. unuanime konstatis, ke la 52-a Universala Kongreso de Esperanto bedaŭrinde ne povos okazi en Tel Aviv.

En la nova situacio la Estraro decidis per telefona kaj telegrama voĉdono, post interkonsiliĝo kun la Direktorino de la C.O., ke la 52-a Universala Kingreso okazu en Rotterdam de la 2-a ĝis la 9-a de aŭgusto, 1967, do en la samaj tagoj, kiuj estis antaŭviditaj por Tel-Aviv. La programo, fiksitaj tagordoj, diversaj kulturaj kaj distraj aranĝoj estos esence la samaj, sed verŝajne eĉ novaj eroj estos aldonitaj. La Kongreso okazos en la perfekte taŭgaj luksaj salonoj de la ĵus konstruita Kongrespalaco De Doelen. La urbaj aŭtoritatoj kaj la turisma servo de Rotterdam donos plenan helpon.

Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj, la Kongreso estos organizita rekte de U.E.A. konforme al la art. 4, lasta alineo, de la Kongresa Regularo. Pro la sama kaŭzo la Estraro decidis escepte longigi la aliĝperiodon ĝis la 15-a de julio laŭ la favoraj kotizoj, validaj fakte nur ĝis la 31-a de marto. Do, por membro-abonanto de U.E.A. : 57, -- gld., por nemembroj 77. -- gld. Tiuj kiuj, aliĝintaj post 31.3.67 jam pagis la pli altan kotizon, ricevos la diferencon en sia kredito. Ĉiujn detalojn en ligo kun la ŝango de la kongresurbo komunikos la C.O. de U.E.A. en Rotterdam.

En la nomo de la Estraro kaj en mia propra mi turnas min al la tuta esperantistaro kun la plej varma peto doni sian maksimuman apogon al la grandaj streĉoj de la Estraro, de la C.O. kj de la membraro en Rotterdam organizi imponan Kongreson en nur du monatoj en la tre interesa kaj alloga Rotterdam, kiu estas iusence la ĉefurbo de la neŭtrala Esperanto-Movado. Kompreneble, la aliĝoj faritaj por Tel-Aviv, validas nun por Rotterdam, sed espereble venos amaso da novaj aliĝoj ĝis la 15-a de julio

La personoj, kiuj pro kiu ajn kaŭzo ne povas ĉeesti la Kongreson, povas tamen helpi per aliĝo laŭ la normala kotizo, aŭ almenaŭ per la t.n. simbola aliĝo, por kiu la kotizo estas nur 25 gld.

Montru per amasa apogo vian lojalecon al via U.E.A. ; aliĝu multnombre tuj al la Kongreso kaj tiamanere helpu, ke ĝi estu, kiel kutime, impona manifestacio por la neŭtrala Internacia Lingvo.

Prof. D-ro Ivo Lapenna.

P.S. : La redakcioj de ĉiuj Esperanto-gazetoj kaj de la Esperanto-fakoj de radiostacioj estas kore petataj represi aŭ disaŭdigi la supran mesaĝon. Ĉiuj ricevantoj estas same kore petataj diskonigi ĝin tuj en ĉiuj Esperanto-organizaĵoj.

●

**KOMUNIKO DE LA CENTRA OFICEJO**

Ĉiuj mendoj kaj pagoj por la 52-a Universala Kongreso de Esperanto restas validaj. Loĝado, ekskursoj, bankedo estos aranĝitaj laŭ la mendoj. La prezoj estos la samaj aŭ iom pli favoraj. Belega tuttaga ekskurso tra sufiĉe nekonata regiono estas preparata. Ĉiuj aliĝintoj ricevos apartan informon.

Londono-Rotterdam, la 31-an de majo 1967. M. H. Vermaas, Direktorino C.O.

# ESPÉRANTO ET CULTURE

## G.E.E. Kongreso en Toulouse 1-an de Aprilo 1967

La Kongreso okazis en salono de C.R.D.P. (Centre Régional de Documentation pédagogique). La prezidantino de G.E.E. malfermas la kunsidon, salutas la ĉeestantojn kaj sciigas pri anoncita nepartopreno de F. Boyet, A. Gimbert, J. Lenel, G. Odent, J. Tresorier, J. Vincent, E. Bidoit, M. Duc-Goninaz, R. Cosson. Pro samtempeco, ĉifoje neevitebla, de nia kongreso kaj de la Paska Kultura semajno S-ro Boyet estas en Grésillon, kie li kun S-o Turin, okupiĝas pri la P.K.S.

Estas elektitaj : F-ino Dedieu por prezidi la laborkunsidon kaj S-o Thon por protokoli. S-ino Tresorier, nia sekretariino antaŭ du tagoj nuligis per telegramo sian jam anoncitan partoprenon.

### A. - RAPORTO DE LA SEKRETARIINO

La raporton legas F-ino Dedieu ; ŝia sekretaria deĵorado komenciĝis en marto 1966 ; ĝis nun ŝi ricevis 93 leterojn kaj sendis 84 leterojn aŭ cirkulerojn.

Ricevitaj kandidatiĝoj : J. Vincent, F. Boyet, J. Tresorier, A. Gimbert. Proponas sin por reprezenti G.E.E. en U.F.E. : F. Boyet.

Demisiis : G. Odent (sed partoprenos, parte, en Calais) kaj J. Dedieu.

Sugestoj kaj proponoj ricevitaj de S-ino Tresorier : kreado de traduk-servo por provizi la grupojn per teatraĵetoj ludeblaj en grupkunvenoj aŭ kongresoj (Lenel) ; regula aperado de artikoloj en GEE-paĝoj de F.E. (A. Gimbert). Deziras ke oni trovu originalan laboron por G.E.E., petas reekzamenon de la statuto por permesi al G.E.E.-anoj esti samtempe membroj de Federacio ; deziras ke la reprezentanto de G.E.E. en Calais (kongreso de U.F.E.) estu iu, kiu ĉeestis en Toulouse la Kongreson de G.E.E. (Boyet)

1) REZULTOJ DE LA REFERENDUMO :

S-ino Tresorier zorgis pri la publikigo, sendis ilin en frua tempo al S-o Bidoit kaj S-ino Vincent. La informo aperis sur Franca Esperantisto, n° 243, p. 98).

2) PASKA KULTURA SEMAJNO EN GRESILLON :

Pri ĝi estas komisiita nia S-ano Boyet. Lia intenco estas profiti la restadon por vivigi la junulojn stipendiitaj de U.F.E. en esperantista medio ; « laŭ la cirkonstancoj, tio estas : laŭ la nivelo lingva de tiuj restadantoj, ni provos doni al ili lingvajn komplementojn, pedagogiajn konsilojn, teknikojn permesantajn la aplikon de la internacia lingvo en diversaj aktivaĵoj... ».

3) PERKORESPONDA KURSO :

Prizorgas la servon S-o Dumarquez, kiu cetere deziras anstataŭanton sed akceptis ĝis oni trovos tion, ankoraŭ dum kelka temop okupiĝi pri la afero. Stariĝas la demandoj : ĉu reeldoni ilin kaj daŭrigi la servon ? ĉu rezigni la perkorespondan kurson ? S-o Debande, « pro la principo » dezirus ke la servo plu ekzistu, « ĉar edukistoj ankaŭ instruas ». Provizora solvo estas akceptita : la kurso daŭru ĝis elĉerpiĝo de la materialo, poste oni reesploros la demandon.

4) PROPAGANDO EN REVUOJ :

Por ke artikolo estu favore akceptita de redaktoro, ĉiam estas preferinde ke la artikolo venu de fakulo (kiam temas pri fakrevuo), aŭ de loĝanto en la regiono (kiam temas pri loka ĵurnalo). Cetere, la propagando devas esti zorge adaptita por ĉiu aparta medio : eĉ duagrabla profesoro ne estos konvinkita de la samaj argumentoj kiel unuagrada instruisto ; tiajn nuancojn perceptos pli bone propagandisto el la koncerna medio. F-ino Dedieu memorigas, ke, iam antaŭe, G.E.E. provis krei reton de tiaj respondeculoj, po unu en ĉiu departemento ; tiu klopodo neniam plene sukcesis. Tamen, se kompetentuloj sin anoncas, estos laboro por ili.

5) ESPERANTO ET CULTURE :

Laŭ la protokolo inter G.E.E. kaj U.F.E., nia grupo disponas du paĝojn. (eventuale iom pli) en ĉiu monata numero de Franca Esperantisto. Redaktitaj de S-ino Vincent, la rubrikoj aperas sub la ŝildo « Esperanto et Culture ». La redaktorino petas ke oni sendu al ŝi la presotaĵojn antaŭ la kvina de ĉiu monato. S-ino Lavallée sin proponas por cerbumigi la legantojn per krucvortenigmoj. Kompreneble, la verkemuloj sendu amase siajn kontribuaĵojn ; la redaktorino prizorgos la tekstojn kaj aperigos ilin laŭ la eblo. Estas necese, ke ŝi havu ĉiam provizon de valoraj artikoloj, por certigi kaj pravigi regulan aperon de nia nova Esperanto et Culture. S-o Jullien rezignas pri regula kunlaboro por lingvaj demandoj.

### B. - FINANCA RAPORTO

1) S-o Debande, kasisto de la Grupo, tuj trankviligas la G.E.E.-anojn, kiuj eble pensus, ke pro la akordo kun U.F.E., G.E.E. ne plu havas propran financon : G.E.E. daŭre estas memstara asocio, ĝi havas propran kason, kiu pleniĝas kaj malpleniĝas laŭ tiu sistemo :

ENSPEZOJ :

La kotizo al G.E.E.-U.F.E. estas 20 F. Kiam nia kasisto ricevas unu kotizon, li konservas 6 F, kaj ĝiras 14 frankojn al U.F.E.

Kiam U.F.E. rekte ricevas kotizon de instruanto (instruisto aŭ profesoro) ĉi-tiu fariĝas membro de G.E.E. kaj la U.F.E.-kasisto sendas al la nia 6 frankojn. Tiel la enspezoj malpliiĝis kompare al la antaŭaj jaroj, sed ankaŭ la elspezoj, ĉar ni ne plu eldonas « ESPERANTO ET CULTURE ».

2) KASO :

En la jaro 1966, estis enkase 6062,55 F.

Ĉar la regula apero de nia revuo ne plu estis ebla nia estraro iam decidis abonigi ĉiujn membrojn de G.E.E. al la jugoslava « Kajeroj » por la jaro 1966. Pro malfacilaĵoj ĉe la redaktejo, tiu abono estos efektiva nur en 1967.

Tiuj abonoj konsis?gis gravan elspezon post kiu restas en la kaso 1036,56 F. (31 mars 67).

3) MEMBRARO :

150 membroj ĝis nun pagis sian kotizon 1967. Pro manko de kunordigo en la laboro de U.F.E. kaj tiu de G.E.E. precipe ĉar en la U.F.E. sliparo ne estas menciita la profesio de la membroj, ne estis facile ekscii kiuj membroj de U.F.E. estas instruistoj kaj do devas fariĝi membroj de G.E.E.

S-o Debande klopodis diversmaniere por klarigi tiun situacion. Ĝis nun li enkasigis nur 58 kotizojn pliajn, sed la traserĉoj ne estas finitaj : estos necese, ke la ĝisnunaj rutinoj en ambaŭ sekretariejoj pli kunordiĝu por glatigi la interrilatojn kaj, sekve, malpezigi ĉies laboron.

Post forstreko de la eksterlandaj abonintoj de « Esperanto et Culture », kaj de la iamaj membroj de G.E.E. kiuj ne estas instruistoj, estas nun 399 nomoj en la G.E.E.-sliparo. Sed pro la nenormala funkciado en tiu transa periodo, tiu nombro verŝajne ŝanĝiĝos.

F-ino Dedieu petas ke S-o Debande klare kaj skribe precizigu, en konsento kun U.F.E., kio estas la situacio de la 12 dumvivaj membroj de G.E.E. La kasisto klarigas tiel :

— Por la dumvivaj membroj de nur G.E.E. : S-ro Jullien Marcel, S-ino Rault Andrée, F-ino Dedieu Jeanne, S-ino Combebias Simone, S-ino Caille, s-o Bracquemond, F-ino Billiemaz Jenny, F-ino Billiemaz Paule, F-ino Perra Georgette, nia kasisto pagis jam, kaj ĉiu-jare pagos la jaran kotizon al U.F.E. (14 F.).

— Por la dumvivaj membroj de nur U.F.E., kiuj fariĝis membroj de G.E.E., la U.F.E.-kasisto pagas al la nia la jaron kotizon (6 F.). Ili estas : S-ino Lavallée Hélène, S-ro Lavarenne Maurice.

— Por la dumvivaj membroj de ambaŭ asocioj, S-ro Charlet Fernand, S-ino Vincent Jeannine, S-ro Llech-Walter René, ĉio estas en ordo dum ilia tuta vivo.

« Konklude, nia financa situacio estas tute sana. Se agemuloj intencas fari ion en la kadro de G.E.E.-aktiveco, ili trovos en nia kaso la necesan monon por agi... ».

### C. - LIBROSERVO

1) S-o Bidoit antaŭmetas du solvojn por likvidi la A) proponi al U.F.E. reaĉeti la tuton aŭ parton de la stokon de libroj de la G.E.E.-libroservo :
stoko ;

B) aperigi en Franca Esperantisto liston de la libroj je rabatita prezo. Post diskuto, estas decidite, ke :

a) S-o Bidoit kalkulupor ĉiu libro la piej malaltan prezon, konsiderante la aĉetkoston, sendelspezon, k.t.p. ;

b) aperu sur Franca Esperantisto listo de ĉiuj libroj, haveblaj je reduktita prezo nur dum tri monatoj. Se U.F.E. malkonsentus pri apero de tiu propono en la revuo, la listo estus sendota al la federaciestroj ;

c) la restantaj libroj estos proponitaj al la libroservo de U.F.E.

(Vidu en F/ la proponon de S-o Jullien).

2) KOMPOSTMAŜINO :

Tial ke ni ne plu publikigas revuon, ni ne plu bezonas la kompostmaŝinon « Varityper ». La nefakuloj sciu, ke tiu maŝino ebligas prezenti tekston kun samaj longaj linioj, do kun rektaj marĝenoj, kvankam ne estas sur ĉiu linio la sama nombro de litertipoj. Ne estus saĝe konservi ĝin kiel kapitalon, ĉar ĝi rapide malmoderniĝos kaj perdos sian tutan valoron. Do la kongreso komisias S-on Bidoit por ke li zorgu pri la vendo de la maŝino.

S-o Bidoit proponis, ke la grupo aĉetu elektran skrimaŝinon ; la paĝoj tajpitaj de tiu maŝino povas esti prilaboritaj de speciala aparato por havigi tekston kun rektaj marĝenoj, tuj reprodukteblan per iu pressistemo. Ĉar la utileco de tiu aĉeto verŝajne ne urĝas, la decido estas prokrastita ĝis la neceso aperos.

**D. - RILATOJ KUN ILEI**

S-ro Turin ne sendis raporton. Li reprezentas G.E.E. en I.L.E.I. kaj prizorgas I.L.E.I. rondon, kiu estas kvazaŭ rifuĝejo por G.E.E.-anoj kiuj ne volas esti en U.F.E., sed volas esti anoj de G.E.E.-I.L.E.I., kaj deziras ricevi la informojn de I.L.E.I.

Estu klare, ke I.L.E.I.-rondo havas ekziston nur en G.E.E. kaj ne en U.F.E. Estu klare ankaŭ, ke ĉiu G.E.E.-ano estas laŭstatute membro de I.L.E.I. ; por ĉiu, nia kasisto pagas 2 stelojn al I.L.E.I. En la kunvenoj kaj voĉdonoj de la Ligo, ĉiu landa asocio rajtas sendi delegitojn kaj disponas voĉojn laŭ tiu tabelo :

de 1 ĝis 50 kotizoj
de 51 ĝis 100 kotizoj
de 101 ĝis 150 kotizoj
de 150 ĝis 200 kotizoj
1 delegito (1 voĉo)
2 delegitoj (2 voĉoj)
3 delegitoj (3 voĉoj)
4 delegitoj (4 voĉoj)

Al la konferenco en Innsbrück, S-o Turin reprezentos G.E.E. ; se li ne povos iri tien, F-ino Dedieu anstataŭe reprezentos nian grupon.

**E. - BALOTADO POR LA NOVA KOMITATO**

S-o Cdent ne rekandidatiĝas. S-o Duc Goninaz rekandidatiĝas nur se G.E.E. povas esti konsiderata kiel io alia ol U.F.E.-fako ; ĉar G.E.E. daŭre estas memstara asocio, S-o Duc Goninaz, membro de I.L.E.I.-Rondo, estas konsiderata kiel kandidato. Unuanime estas elektitaj kiel komitatanoj :

S-oj Bidoit, Boyet, Debande ; F-ino Dedieu ; S-oj Duc Goninaz, Gimbert, Jullien ; S-ino Lavallée ; S-o Thon ; S-ino Tresorier ; S-o Turin ; S-ino Vincent.

Ĉar F-ino Dedieu rezignas sian postenon de prezidantino, la Komitato elektas tiun estraron :

Prezidanto : S-o Boyet (proponita de J. Dedieu, kaj elektita kun rezervo de lia akcepto) ;

Sekretariino : S-ino Tresorier ;
Kasisto : S-o Debande ;
Redaktorino : S-ino Vincent.

S-o Boyet estos la reprezentanto de G.E.E. en U.F.E. Li ankaŭ prizorgos la rilatojn inter G.E.E. kaj la Kultur-Domo Grésillon. S-o Turin, respondeculo de I.L.E.I.-Rondo, reprezentos G.E.E. en I.L.E.I.

**F. - DIVERSAJ DEMANDOJ**

S-o Duc Goninaz pensas, ke por informado de la membroj Franca Esperantisto aperas ne sufiĉe ofte ; li petas ke oni aperigu de tempo al tempo suplementan bultenon.

Li dezirus ankaŭ : ke oni eldonu propagandan broŝuron, kiun oni povus disdoni, ekzemple, okaze de ekspozicioj.

Li proponas, se la stato de la kaso tion ebligas, ke la Grupo ofertu premio-librojn al la lernejoj, en kiuj esperanto estas instruata por rekompenci la lernantojn dum la oficiala premiodisdonado, fine de la lernojaro.

Pri tiu punkto, S-o Jullien sugestas, ke oni unue elektu en la nuna stoko de la libroservo la librojn tiel donaceblajn, (ce estas tiaj, ĉar permio devas esti taŭga kaj bonkvalita).

S-o Duc Goninaz sciigas, ke la Lerneja Servo por Internacia Korespondado estas preta doni premion ankaŭ por korespondado en esperanto ; eĉ la oferto de stipendio povus esti debatita se estus valora kandidato ; sed pri tio ne estas promeso.

**G. - U.F.E.-KONGRESO EN CALAIS**

Demando estiĝis : kiel voĉdonos G.E.E. en la U.F.E.-Kongreso ? ĉu simple « por » aŭ « kontraŭ » la proponoj, ĉu « tiom da voĉoj por », « tiom da voĉoj kontraŭ » laŭ la deziroj esprimitaj de la membroj ? La dua solvo estas akceptita kiel la plej justa, tamen ĝi necesigas ke la membroj antaŭe voĉdonu ; tio ne estas ebla ĉi-jare, ĉar ni ne konis sufiĉe frue la tagordon kaj la punktojn, pri kiuj estos voĉdonite. Do, provizora decido : por la Calais-Kongreso, ni fidos S-ojn Boyet kaj Debande, ke ili decidu laŭ la spirito de la G.E.E. kongreso, en Toulouse. De la venonta jaro la membraro estos konsultita pri la kongresproponoj.

**H. - DEMANDOJ PRISTUDOTAJ**

Demandoj restas pristudotaj i.a. statuto, kreado de proponitaj servoj kun trovotaj erspondeculoj... Nome de G.E.E. ni sendis telegramon por saluti memore al Freinet kaj esprimi sukcesdeziron al la Kongreso de Ecole Moderne okazanta en Tours. En la 31-III, vizitis nian kunsidon D-o Albault. Li parolis pri rolo de redaktoro kaj pri la aranĝo de kotizinterŝanĝo ; la 1-an IV li partoprenis la komunan manĝon.

Kunlabore de : G. THON, G DEBANDE, J. DEDIEU.

# Internacia Fervojista Kongreso

La 19-a Internacia kongreso de I.F.E.F. (Internacia Fervojista Esperanto-Asocio) okazis de la 6-a ĝis la 12-a de majo en Fulda, vivanta barok-urbo de Okcidenta Germanio, kun bonegaj organizo kaj sukceso. Iom pli ol 300 reprezentantoj el 20 landoj aliĝis al tiu kongreso, sed pro vizaj malfacilaĵoj, la delegitoj de Pollando kaj Hungario ne povis partopreni. Salutis la kongreson D-ro Schlesser, ĝenerala prezidanto de F.I.S.A.I.C. (Federacio Internacia de Fervojistaj Asocioj Artaj kaj Kulturaj), la prezidanto de la fervoja direkcio Kassel, la urbestro de Fulda, F-ino Vermaas direktorino de la Centra Oficejo de U.E.A., kaj diversaj reprezentantoj de asocioj esperantistaj, sindikataj kaj kulturaj.

Du ŝanĝnomigoj de strato okazis, unu en Fulda kie « Zieherserweg » iĝis « Esperantostrasse » kaj la alia en Hilders kie « Untere Bahnhofstrasse » iĝis ankaŭ « Esperantostrasse ». La muzika vicirado tra la urbo fare de la kongresanaro, la prezentoj de fervojaj uniformoj de 14 landoj kaj la futbalmaĉo de la I.F.E.F. teamo kontraŭ la loka « F.S.V. Germania 09 », vekis grandan atenton ĉe la enloĝantaro.

La programo enhavis gravajn aranĝojn kulturajn kaj teknikajn. Dum la teatra vespero, kamedio alnomita « Ĉu vi konas la laktovojojn » estis majstre prezentata de la parizaj aktoroj Michel Audibert kaj Joto. Du fakprelegoj altnivelaj : « Skribaj ordonoj al trajnoj kaj substituaj metodoj », kompilita dank'al enketo en 11 I.F.E.F.-sekcioj, kaj « Metodoj de aŭtomata trajninfluo, precipe ĉe la Germana Federacia Fervojo » kaptis la atenton de la ĉeestantoj. Tiuj ĉi, dank'al sunbrila vetero, povis ĝui belegajn ekskursojn, precipe per speciala trajno, al « Rothenburg ob der Tauber » kaj « Uffenheim » ; du dancvesperoj ankaŭ gajigis la ctoson kaj plezurigis la gejunulojn.

La venonta kongreso okazos en Varna, ĉe la Nigra Maro, dum la dua semajno venontjara. La prezidanto de F.F.E.A. proponis Avignon kiel kongresurbon de la 21-a I.F.E.F.-kongreso dum majo 1969 kaj tiu invito estis ĝoje akceptita ; la F.F.E.A.-anoj jam ekstudas serioze tium gravan taskon.

H. BERNIER.




Jen la du flankoj de la bela arta medalo donacita de S-ro Vendroux, Deputito-Urbestro de Calais al nia Eks-Prezidanto Llech-Walter, al kiu ni tutkore rediras niajn gratulojn kaj dankojn.

# ALVOKO de Alfred KASTLER, Nobel-premiito

*Ni ĝojas publici ĉi sube la Alvokon subskribitan de Profesoro Alfred Kastler, Nobel-Premiito kaj granda Amiko de Esperanto.*

Proklami sin Mondcivitano ŝajnas al mi hodiaŭ necesa sinteno en mondo, kies strukturoj estas transpaŝitaj.

Mi travivis la dramon de la loĝantaro de la Alzaca limlando disŝirita per du naciismoj kaj mi komprenis, ke estas absurde senfine daŭrigi militnaskantajn disputojn.

Franca civitano, mi opinias ke mia lando devas helpi, per ĉiuj rimedoj pri kiuj ĝi disponas la malpli evoluciintajn landojn kaj ke ĝi devas sindoni por regnigi la etoson de konfido, kiu ebligos haltigi la armilkonkuradon elklikigitan de la grandaj regnoj.

Scientisto, mi scias ke la solvo de la problemoj, kiuj stariĝas antaŭ la scientistoj de la diversaj landoj, estas la frukto de ilia intima kunlaborado. Kaj mi kredas, ke estas same sur la tereno de la teknikaj realigoj kaj de la ekonomiaj temoj.

En epoko dum kiam la liberigo de la nuklea energio disponigas al la homoj neimagitajn rimedojn por detrui, sed ankaŭ por konstrui, en epoko dum kiam ekiĝas la granda planeda aventuro de la homaro, mi opinias, ke la homa socio devas doni al si instituciojn je la terglobmezuro por haltigi militon kaj malsaton naskitajn de la egoismo kaj de la malamego.

Homo, mi sentas min solidara de ĉiuj homoj kaj mi pensas, ke ili devas unuiĝi por edifii trans la rasaj kontrastoj kaj la ideologiaj kontraŭstaroj la homan civiton, kiun ni alvokas per ĉiuj niaj deziroj.

Alfred KASTLER.

# Profitons des erreurs

A la demande de Mlle le Dr Vierne, Présidente du Groupe de Montpellier et à l'instar de plusieurs autres revues espérantistes, nous ouvrons une nouvelle rubrique ; d'après la place dont nous disposerons, nous citerons quelques phrases, tournures ou mots incorrects, nous expliquerons l'erreur et nous proposerons une traduction correcte. Notre revue étant française, cette rubrique sera rédigée en français, pour que même les débutants puissent en profiter.

— **Baldaŭ komencos grava danĝero por li.**
Le verbe KOMENCI est uniquement transitif :

Vi tro malfrue komencis vian laboron : vous avez commencé votre travail trop tard: Tandis que le verbe KOMENCIĜI est intransitif : la festo komenciĝas : la fête commence.

Il aurait donc fallu écrire : Baldaŭ komen**ciĝos** grava danĝero por li.

— **Niaj financaj rimedoj ne permesas al ni vojaĝi tiel malproksime.**

a) Le verbe PERMESI signifie simplement « autoriser » :

Ne permesu al viaj lernantoj babili en la klasĉambro :

ne permettez pas à vos élèves de bavarder en classe.

Dans la phrase erronnée, il faut traduire « permettre » par EBLIGI (rendre possible) :

la malbela vetero ne ebligis la okazigon de la ekskurso : le mauvais temps n'a pas permis (rendu possible) l'excursion.

b) 2e erreur : Il faut l'accusatif à l'adverbe MALPROKSIME puisque « voyager » implique le changement de lieu : vojaĝi sude**n**, oriente**n**, proksime**n**.

---

# Nia Restado en Hispanujo

Dum la Paskaj ferioj ni iris al Hispanujo. Ni estis tri : Marie-Gabrielle kaj Alain Graffin, Sylvie Bonnet. Ni foriris la 23-an de marto, ni restis ĝis la 4-a de aprilo. Niaj gastigantoj nomiĝas gesinjoroj Criach, ili estas geesperantistoj. Ili loĝas en Sabadell, industria urbo apud Barcelono.

Sinjorino Criach akompanis nin al multaj interesaj lokoj. Ni vizitis Monistrol, Barcelonon, Montserrat, Tarrasa. Ni vidis belegajn preĝejojn.

En Monistrol ni renkontis geesperantistojn. Tie oni baldaŭ konstruos esperantistan domon. En la urbeto Gaba okazis vegetarana renkontiĝo kaj ni havis la plezuron konstati ke multaj personoj estas ankaŭ geesperantistoj.

Nia restado tre plaĉis al ni kaj la tempo pasis tre rapide. Ni povis praktiki la esperantan lingvon kaj vidi interesajn lokojn.

Ni tre dankas gesinjorojn Criach, kiuj estas tre ĉarmaj personoj kaj permesis al ni havi tiun belegan restadon. Ni ankaŭ dankas sinjorinon Vincent, kiu donis al ni la eblecon iri en tiun landon.

Bonnet Sylvie, 19-jara knabino.

# RECENZOJ

## LA TRAGEDIO DE L'HOMO — Imre MADACH,

259 paĝoj — Eldonejo Corvina — Budapest, 1965. Prezo 11 Fr. El la hungara tradukis Kàlmàn Kalocsay.

Tiu grandioza drama poemo refreŝigos la memoron pri la impona Hugoa « Legendo de l' jarcentoj », ĉar ĝi prezentas la evoluon de l'homaro poezie ekde la kreado de Adamo kaj Eva ĝis la profete de longe vidita konkero de la kosma spaco. La dektria bildo montras « segmenton de nia tero ĉi tiu pli kaj pli pitiĝas (malgrandiĝas), ĝis fine ĝi aspektas nur stelo, miksiĝinta inter la ceterajn ».

Tamen, ne estus tute ĝuste, se oni similus tiun misterodramon al la Hugoa eposo. La titolo mem « Tragedio de l'Homo » sufiĉas por montri la vidpunkton de Imre Màdach, kiu volis inter alie montri la eternan aspekton de la konflikto inter bono kaj malbono, inter sentimento kaj intelekto.

Tiu konflikto neniam estas konsiderata kiel nura filozofia problemo, abstrakte pritraktita. Kontraŭe, ĝi estas konstante ilustrita per historiaj eventoj, kies materialoj estas zorge, elekteme distilitaj, subtile sublimataj ; la rezulto estas, ke plej arta, densa, aŭtentika poezio estas atingita.

(Lucifero parolas)

« Grandajn vortojn vi diris. La propraĵ kaj familio : jen du movantoj de la mond' el kiuj ĉiu volupto kaj turment' elĝermos. Senĉese kreskos tiuj du, ĝis ili fariĝos industrio kaj patrujo : naskanta par' de ĉio bela, nobla, kaj formanĝonta la infanojn proprajn. »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

(Eva parolas)

« Fiero mia sola estas nur,
ke mi fariĝos la patrin' de l'mondo. »

Oni certe rajtas diri, ke la « Tragedio de l'Homo » estas ne nur unu el la plej grandaj hungaraj verkoj de la 19-a jarcento, sed ankaŭ unu el la plej imponaj altaĵoj en la montaro de la mondfamaj ĉefverkoj.

Fizike malgranda, Hungarujo povas fieri pri siaj spiritaj fortoj, kiuj devas esti konataj de ĉiu Esperantisto dank'al la mirinde belsona traduko de nia tre estimata Kalocsay.

Robert Martin.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

## ĈU VI ANKAU SCIAS ?

de Janikovszky - Reber (eldonejo Corvina — Budapest), Prezo : 8 Fr.

Jen tute taŭga libro por komencantoj ĉiujaraj. Dank'al bonaj desegnaĵoj, oni povas memori la diversajn okupadojn de la homoj per bone konstruitaj frazoj. Tiu sukcesa bildlibro aperis ĝis nun en hungara, germana kaj serba lingvoj. Ĝia esperantigo certe estas bonvenita. Kelkfoje oni povas kritiki la pli malpli bone elektitajn vortojn. 6kzemple, kiam Avoĉjo diras : « aspergu... la florojn ». Ĝis nun, mi kredis, ke aspergi kaj aspergiloj apartenas al la vortrezoro kaj aktiveco de l'preĝistoj !

Tamen, tio ne tre gravas, kiam oni ŝatas konstati, ke Esperanto estas vivanta lingvo, libere uzata en la limoj de interkomprenado. Entute, bona libro, bonega propagandilo kaj instruilo.

Robert Martin.

## MONOTEISMO KAJ POZITIVA MORALO

de Gasse : Bele presita, bone prezentita libreto (59 paĝa) kiu estas traduko esperanten de originala franclingva verketo.

Ĝi havas du celojn, kiujn per ses linioj montras antaŭparolo. Jen ilia resumo :

1) konstatigi de la kredantoj, ke la libroj bazaj de ilia religio ne estas plene fidindaj ;

2) prezenti kaj defendi sendian moralon, kiu povas anstataŭi la religion ;

Tiu libreto sin turnas al tri grandaj religioj : judaismo, kristanismo, mahometismo. Tial, ĉefe el Biblio, ĉerpas ĝi kontraŭdirojn, montras multajn neverŝajnaĵojn, eĉ malmoralaĵojn, kaj diskutas pri evangelioj. Krome ĝi kritikas diversajn principojn de Eklezio.

Poste ĝi difinas pozitivan moralon pere de konsiloj, proverboj, montro de niaj devoj pri ni mem kaj pri aliuloj, kaj finiĝas per teksto de la Universala deklaracio pri Homaj rajtoj.

Mi opinias, ke ĝi estas bone tradukita. Ja malfacile oni trovas eraretojn ; ekz (p. 41a) « la infanoj heredos de la bonaj ecoj.. de siaj gepatroj » anstataŭ « heredas la bonajn ecojn... de siaj... » ; malofte ankaŭ esperantajn vortojn aŭ formojn ne akceptataj de malnova esperantisto, kia mi estas : ekz : limizi (p. 40a) anstataŭ « limigi »... ĉu preseraro ? Malaprobas mi la uzon de « Sviso » anstataŭ « Svisujo » aŭ « Svislando » (p. 45a) kiun rekomendas S-ro Gasse laŭ propono de S-ro P. Denoel « por liberiĝi el la nuna ĥaoso ». Mi konstatas ke al la formoj Zamenhofaj « ujo » kaj « lando », kaj poste « io » por nomi la landojn, tiu nova formo plue venas kaj fuŝe erarigas : Franco do povus signifi : « ano de nia lando » laŭ la korekta fundamenta formo kaj por S-ro Gasse, la « franca lando » mem, la ano de nia lando estus « francano ».

Léon BELHOSTE.

---

## NEKROLOGO

Komence de la monato Aprilo, forpasis en Luçon (Vendée) la Patro de nia Amiko S-ro Pierre Babin, Direktoro de la Kulturdomo Grésillon. Al li kaj al lia Familio, ni prezentas nian sinceran kondolencon.

★

La 20-an de aprilo en Clermont-Ferrand, mortis subite la tiea delegito de U.E.A., S-ro Macrel Deculty ;

★

La 21-an de aprilo mortis en Parizo la patro de nia kontrevizanto, P. Royer ;

★

La 20-an de aprilo mortis en Parizo S-ino Simone Retot ;

★

La 11-an de marto forpasis Jean Argenta, kiu estis ankaŭ membro de K.E.L.I.

Al ĉiuj familioj, ni sendas nian plej koran kondolencon.

# Echos de la Presse - Echos de la Presse - Echos

Trois thèmes se sont partagé l'actualité dans la presse française au cours des deux derniers mois : l'anniversaire de la mort du Dr Zamenhof, l'exhortation du pape en espéranto après son message pascal, et notre Congrès national à Calais.

**« LE FIGARO » du 18-4, « POINT DE VUE - IMAGES DU MONDE » du 21-4, « TEMOIGNAGE CHRETIEN » du 13-4,** et une douzaine de journaux de province (dont **« LE COURRIER DE L'OUEST », « SUD-OUEST », « NORD LITTORAL », « NICE-MATIN »**, etc.), ont repris notre information. **« POINT DE VUE »** complétait son information en publiant le 12-5 un écho sur Paul VI et le film « Incubus ».

L'initiative du pape terminant son message en espéranto a été commentée dans le **« MONDE » du 27-3, « LE PARISIEN LIBERE », « PARIS-JOUR », « LA VIE CATHOLIQUE ILLUSTREE »** et une quinzaine de quotidiens régionaux (dépêche de l'A.F.P. Rome). Ajoutons que la T.V. et la Radio ainsi que les postes périphériques ont également fait état de cet événement qui constitue pour le mouvement espérantiste un encouragement officiel.

Notre Congrès national a bénéficié du soutien efficace du grand quotidien de Calais **« NORD LITTORAL »** dont on ne compte plus les articles en faveur de l'espéranto, grâce à la bienveillance de son rédacteur en chef et à l'enthousiasme de M. Fermon qui a suivi avec objectivité notre congrès durant les trois jours. **« NORD ECLAIR », « LA VOIX DU NORD », « LA CROIX DU NORD », « LE COURRIER PICARD »** étaient également présents.

Sur les 6 articles de **« NORD LITTORAL »** nous avons retenu celui du 16 mai, illustré de deux photographies des Congressistes et du Conseil d'U.F.E. et celui du 19, présentant quelques échos après le congrès :

**du 16 mai :** « ... On a su gré à M. Vendroux d'avoir gardé à cette réception à l'Hôtel de Ville ce caractère familial »... « M. Vendroux a déclaré : « S'il fallait justification à l'utilité de l'espéranto on la trouverait dans le fait que je suis très embarrassé... faute d'avoir eu la constance et le courage au collège de persister dans son étude pour laquelle j'étais inscrit... Puis le député-maire a remis à Llech-Walter, la plaquette de la ville de Calais ». M. Zerkovitz, sous-préfet de Calais, excusait l'absence de M. Tomasi, préfet du Pas-de-Calais « qui avait accepté d'enthousiasme la présidence d'honneur du Congrès. Puis il ajoutait : « Je regrette également de ne pouvoir m'adresser à vous en espéranto, une langue qui m'a l'air très belle étant donné les sonorités que je viens d'entendre. Je ne puis qu'exprimer les regrets qu'il n'y ait pas davantage de gens qui puissent se connaître et se comprendre surtout à une époque où les communications sont si faciles. Il est à déplorer que subsistent encore des obstacles à la large diffusion de l'esperanto qui aiderait aux échanges et permettrait la compréhension mutuelle... je dis mon espoir que cette langue qui semble à la portée du monde entier connaisse une diffusion plus grande encore que celle qu'elle a connu jusqu'à présent ».

**du 19 mai :** « L'intervention de M. Lucien Pickaert, inspecteur d'Académie adjoint, a été sensationnelle... Il a dit « son extrême honte de parler français et d'être le seul présent à n'avoir pas eu la possibilité d'apprendre l'espéranto... Elle n'est pas une concurrente pour le français, mais au contraire permettrait de faire connaître la richesse et de notre langue et de notre pays... J'ai appris le français, le grec, le latin dans un programme démentiel. Il ne s'est jamais trouvé quelqu'un pour estimer nécessaire d'apprendre une langue comme la vôtre... Bien sûr il existe actuellement une circulaire qui autorise l'enseignement de l'espéranto, mais les Français ont tellement l'esprit d'indépendance que d'une autorisation ils ne font rien... Il faut aboutir à faire de l'espéranto non plus une langue autorisée mais une langue conseillée dans les examens... Je souhaite l'introduction de l'espéranto dans les programmes. Je suis persuadé qu'il renforcerait les possibilités pour les enfants. Il faut que l'espéranto devienne chose OFFICIELLE. Je crois en l'espéranto... Une bonne partie de l'université est de votre côté... ».

L'élection du Dr Albault à la présidence de l'Association, reprise par les agences a été annoncée à l'O.R.T.F. - France-Culture, le 26-4, à 12 h. 30.

**« FEMMES D'AUJOURD'HUI » du 19-4 :** l'espéranto sur les timbres-poste par Jacqueline Caurat.

**« MARIE-CLAIRE » :** « Enrico Macias va enregistrer en espéranto ». M. L. Prouvost donne la traduction en espéranto (de JOTO) du refrain d' « Enfants de tous pays ».

***

## ALLUSION A L'ESPERANTO

Au cours de son sermon pendant une messe télévisée, M. l'Abbé Girault, directeur au Grand Séminaire de Poitiers, a fait allusion à l'espéranto. Evoquant les efforts de tous ceux qui militent pour l'extension de la langue internationale, le prédicateur a exprimé sa conviction qu'une telle langue permettrait de mieux se comprendre, ce qui serait une chance pour mieux s'aimer.

***

## L'ESPERANTO AU SERVICE DE LA PAIX

Dans son numéro 151 de Juin 1967, le journal de la Paix **PAX CHRISTI** cite une lettre d'une lectrice de Drancy, qui signale l'existence et l'adresse de I.K.U.E. et de K.E.L.I. En réponse, la rédaction du journal conclut : « Certainement, l'espéranto et Pax Christi ont des buts semblables, puisqu'il s'agit de permettre aux hommes de mieux se rencontrer ».

Dans **TECHNIQUES, ARTS ET SCIENCES** de novembre 66 (n° 203), M. Jules Albault, professeur honoraire de Lycée technique, à Toulouse, a fait paraître un excellent article de 4 pages, où il démontre que l'espéranto est la seule solution pratique qui s'offre au domaine technique, pour résoudre les difficiles problèmes posés par la multiplicité des langues.

# NIA VORTREZORO

**13. Tri dombestoj por unu ĉano**

S-ro A.D. el H., nemrodo ĉe siaj liberaj horoj, demandas pri la deveno de la vorto ĉano.

Nu ! Eĉ se vi ne estas ĉasisto, vi tamen scias, ke ĉano estas tiu peco de pafilo (de fusilo, pistolo,...), kiu frapas kaj flamigas la prajmon ; tiu siavice flamigas la pulvon de la kartoĉo. Pro ĝia formo la franca lingvo komparis ĝin al hundo.

La Fundamento (p. 148 de 9-a eldono), almenaŭ unuavide, ne multon respondas al la demando de nia nemrodo : **chien, cock, Hahn, kurok, kurek ;** t.e. hundo kaj koko.

Tamen simpla respondo — kaj eĉ tute verŝajna estas, ke Zamenhof prenis ĝin el la itala **cane** (di fucile), t.e. « hundo » de fusilo, kaj subigis ĝin al ordinara fonetika transformo, trovebla sufiĉe ofte ne nur en Esperanto sed ankaŭ en aliaj lingvoj ; ni nur citu la francan **chien** el la latina **canis** (hundo). Tiel same **la** Esperanta **ĉar** respondas al F. **car**, dum **ĉasi** al itala **cacciare**, al iberaj **caçar** aŭ **cazar**, al romanĉa (ir a) **chatscha** kaj al franca chasser.

Aliparte, krom la itala kaj franca, ankaŭ la portugala uzas la nomon de nia kvarpieda amiko por nomi tiun prajmo-perkutilon : **cão** (de espingarda). Do entute tri lingvoj estas pli malpli rigardeblaj kiel la eblaj fontoj de **ĉano :** Zamenhof certe povosciis la francan kaj italan ; la portugala havas prononcon similan al ĉi-lasta (kan, kun naza sonoro). Ni aldonu la hispanan **can**, kvankam ĝi ja ne estas la plej uzata vorto, nek por la hundo, nek por la ĉano !

El la aliaj lingvoj nur la rusa uzas (konkurence kun alia formo) **sobaĉka**, diminutivo de **sobaka** (hundo) ; tion oni verŝajne alkalkulu al la influo de la franca lingvo kaj kulturo, ĉar, kiel ni vidos, ĉiuj lingvoj de Eŭropo — inklude la rumana kaj la romanĉa, kaj ekskludе nur de la plej sudokcidentaj — preferis honori... la kokon, la birdon karakterizan de la galloj ! Sekve ni ne povas alkalkuli la romanĉan **chaun** kaj la ruman **ĉaine** al la fontoj de nia ĉano. Cetere, la hispana **perro** kaj kataluna **goç,** ŝajne tute izolitaj formoj, ankaŭ estas eksterkonkursaj.

Ni per tio konstatu, ke ni jam komencis vojaĝon tra Eŭropo por la reserĉado de la diversaj nomoj de la hundo ! Ni daŭrigu ĝin. Fakte la historiistoj diras al ni, ke ĝiajn spurojn oni retrovas ne nur en la Egiptiaj piramidoj kaj mumioj, sed ankaŭ preskaŭ ĉie, kie oni povas retrovi spurojn de homaj civilizoj ! Ni do povas atendi, ke multaj lingvoj seninterrompe nomis ĝin sammaniere, sed ke kun la neeviteblaj lingvotransformiĝoj iom post iom estiĝis tre diversaj formoj de la primitiva nomo. Efektive la lingvistoj konsideras, ke iam ekzistis indo-eŭropa radiko **kwon,** kiu transiris ĝis hodiaŭ en la grandan plimulton de lingvoj : de la veda **çŭnah** kaj sanskrita **ĉvan,** de la greka **kyon** kaj latina **canis,** ĝis la irlanda **cu** (pr. ku) kaj kimra **ci** (pr. : ki), (ĉu la kataluna **goç** kaj hispana **gozque** estus celtaj spuroj ?) ; ĝis la albana **qen,** la rusa **suka** (hundino) aŭ bulgara **kuĉe** (kun, eble, la hungara **kutya,** la finna **koira** kaj estona **koer** ?) ; ĝis ankaŭ la armena **ŝoyn** (pr. : ŝun) aŭ la lituana **ŝuo** (ŝun-en derivaĵoj) kaj la letona **suns...**

Sed la nete plej homogena grupo ja estas la ĝermanida ekde la gotika **hunds :** la germana kaj la tri skandinavaj **hund,** la jidiŝa **hunt,** la nederlanda, flandra kaj afrikanda **hond,** la islanda **hundur** kaj eĉ la angla **hound** (ĉashundo) ; al ili plie parencas la estona lupo : **hunt.**

⁂

Kaj ĉar Zamenhof bezonis la radikon **kano** por la planto — radiko, kiu sin proponis ankaŭ por la **krano** (F. cannelle), oni tre bone komprenas lian elekton ; ĝi preskaŭ ne povis esti alia ; ĝin ne estis « hazarda », kiel volis sugesti iu lingvisto, iu Skurĝeto. Sed samtempe li nepre bezonis alian radikon por la ĉano : por ĝin nomi ĉiuj ĝermanidaj lingvoj pruntas la nomon de la koko : **Hahn, hane aŭ haan,** kaj tute ignoras la hundon ! Nur la islanda kaj la jidiŝa uzas aliajn formojn, kompense la finna adoptis **hana** sed nur por la ĉano !

Aliaj lingvoj esprimas la saman ideon, sed per sia propra vorto por **koko.** Tiel la kataluna **gallet** estas eta **gall,** same kiel la lituana **gaidelis** — eta **gaidys,** sed la letona **gailis** estas koko. Tamen la hispana kaj itala **gallo,** la portugala **galo,** la romanĉa **gial,** la albana **gjel** kaj la kimra **ceiliog** (pr. : kejlioj) nomas nur la kokon.

La bulgara **petel** kaj la slovena **petelin** havas ambaŭ signifojn, dum la rusa **petuh** kaj serba **petao** havas nur unu.

Sed la nete pli grava grupo estas onomatopea : la koko obstine kokerikas unulingve tra la tuta mondo ! La angla **cock,** la rumana **cocos** (pr. : kokoŝ), la serba-kroata **kokot, kokoŝ,** la hungara **kakas** (pr. : kokoŝ) signifas kaj koko kaj ĉano. Tiel same la ĉeka **kohoutek** kaj la slovaka **kohŭtik** estas kaj ĉano kaj eta **kohout** aŭ

kohŭt ! Tie ni aldonu la polonan **kurek** kaj rusan **kurok**, diminutivoj de **kur.**

Kaj la Esperanta **koko,** el franca **coq,** similas ankaŭ al kroata **koka** kaj ja parencas kun la polona **kogut,** la finna **kukko** kaj eĉ en oriento kun la sanskrita **kukkuta** kaj malaja **kuhuh :** ili ĉiuj nomas nur la birdon, kaj ĉiuj pli malpli rekte kaj sendepende devenas de la kokokrio. Ankaŭ ĝi do estis bonege elektita de la « iniciatoro » de la internacia lingvo, kiel li mem sin nomis ; sed aliparte oni ne povas ne veni al la ideo, ke elektante la vorton **ĉano** li pensis ne nur pri la itala **cane,** sed ankaŭ pri la ĝermanidaj **Hahn, hane** kaj **haan.** Per sia genio li kunigis la du grupojn, tiun de la hundo kaj tiun de la koko, sintezante la latinidan **can-** kaj la ĝermanidan **han-** al **chan-** skribita **ĉan- !**

⁂

Ĉu plie Zamenhof pensis ankaŭ pri la hispana **gatillo ?** Tio estas nek necesa, nek probabla. Sed ni konstatu tie la aperon de tria dombesto **: gatillo** ja estas diminutivo de **gato,** la kato ! Krome, nur la vaska **(katu)** certe honorigis nian musokaptulon ; aŭ ĉu la bulgara **kondak** (ĉano) iel devenus de **kotak** (virkato) : mi ne trovis pruvon pri tio.

Sed ni profitu la okazon por malkovri la vastan internaciecon de la vorto **kato.** Oni scias, ke la plej multaj domkatoj devenas de tiuj domdresitaj de la antikvaj Egiptianoj kaj Nubianoj, pli poste enkondukitaj en Romon, de kie ili disvastiĝis al tuta Eŭropo. **Cattus** estas vorto de la malfrua latina (« bas-latina ») ; iuj opinias ĝin de celta — pli ĝuste galla — origino, dum aliaj atribuas al ĝi orientan aŭ afrikan devenon : enkondukante la animalon en Romon, oni ja enkondukis ankaŭ ĝian nomon ; cetere la araba **qitt** kaj la turka **kedi** donus pli da pezo al tiu hipotezo. Ĉiuokaze la latina vorto estis alprenita de ĉiuj lingvoj kaj ankoraŭ ne havis tempon tiel aliformiĝi, ke ĝi ne plu estus facile rekonebla : ekzistas nur malgrandaj diferencoj

La latinida **kato** estas karakterizita per sia inicialo **g** (ibera **gato,** aŭ **gat** kataluna, itala **gatto,** romanĉa **giat**). La franca **chat** iom apartiĝas. La angla **cat,** ĉarniro kun la ĝermanidaj, samtempe reproksimiĝas al la latina : ne unufoja fenomeno ; al ĝi identas la irlanda kaj gaela, dum proksimas la kimra **cath.** Ĉiuj aliaj preferas skribon per **k :** la ĝermanidaj **kat** aŭ katt, iafoje kun senconuanco (virkato). La germana **Katze** havas apartan fizionomion kaj levas jenan demandon : ĉu ĝi ne rezultus el kruciĝo kun formos **mace** aŭ **maĉe** trovebla en kelkaj lingvoj centreŭropaj, signifantaj virkato kaj memorigantaj la francan **matou,** kies origino estas ne klara ; verŝajne ne, ĉar formsimileco de lingvo al alia ofte estas nur hazarda kaj havas neniun signifon. Sed ni daŭrigu per la islanda **köttur,** kiu sonas iom arkae. La jidiŝa **koter** pontas al la slavaj : rusa kaj polona **kot,** bulgara **kotak,** rusa **koŝka,** ĉeska kaj slovaka **koĉka.** Tamen la lituana denove estas **kate ;** ni finu per la letona **kakis,** la estona **kass** kaj la finna **kissa** kj ne forgesu la geografie pli foran armenan **katoy** (pr. : katu) ! Vere, ĉu ofte eblas renkonti tiel vaste internacian vorton ?

⁂

Ĉiuokaze, oni bone komprenas, ke la internacia lingvo devis havi apartan vorton por la ĉano ; ne, ke ĝi ne ŝatus la komparojn, sed kiun do elekti : la hundon, la kokon **aŭ** la katon ? Des pli, ke tiuj tri estas reprezentitaj ĝuste en la tri grandaj lingvoj de okcidento : la franca, la angla kaj la hispana !

Aliparte sinlimigo al la nura radiko **han-** ankaŭ estus malbona, se oni atentas, ke la germana kaj pluraj aliaj uzas la saman ankaŭ por nomi la kranon ! Ankaŭ la krano do estas komparita al koko, dum tuta serio da aliaj lingvoj uzas precize la vorton **kran :** la rusa, la pola, la baltaj, la sveda, la jidiŝa, la nederlanda ; ĝi iam estis uzata ankaŭ en la germana, en kiu la sama vorto — same kiel en pluraj aliaj lingvoj — nomas ankaŭ la birdon : la **gruo,** aŭ mekanikan levilon, la **argano !**

Por tiu **krano** ekzistas alia internacieco, kiun Zamenhof ne uzis : la angla kaj skandinava **tap** respondas al la germana **Zapfen** (verŝajne parenca al la rusa **capfa,** pivoto), kiu estas la fonto de la itala **zaffo ;** ĝi respondas ankaŭ al la slovaka **ĉap,** al la hungara **csap** (pr. : ĉap), kaj cetera slava **ĉep,** rumana **cep** (pr. : ĉep). Sed **tap** estas parenca al la franca **tapon, tampon** kaj elvokus ankaŭ ideon de frapo...

Ni devas ĝoji, ke Zamenhof elektis por ni el tiu labirinto da signifoj kaj formoj !

Ni finu per la rimarko, ke ankaŭ la franca **robinet** (kaj itala **rubinetto**) origine estis bildaj esprimoj : **robin** iam estis franca alnomo de la ŝafo. Sed ĝia internacieco estas sensignifa, ĝia plursilabeco kaj deriviteco maloportunaj.

A. ALBAULT.

---

Por ricevi respondon en tiu rubriko, oni sin turnu rekte al D-ro Albault.

---

## DISTINCTION

Nous apprenons que Madame Marguerite Santreuil vient de recevoir la Médaille de Vermeil de la Société des Arts, Sciences et Lettres, pour l'ensemble de ses travaux scolaires « Chant et Rythmique ». Nous adressons nos plus vives félicitations à Madame Santreuil qui, étant espérantiste, a déjà édité plusieurs disques en espéranto.

# INSTRUAJ DISTRAĴOJ

004. — CIFERENIGMO.

92 literoj konsistigas du Zamenhofajn frazojn, kiuj vi povos facile trovi per la jenaj difinoj :

83 29 78 53 79 24 84 10 92 21 40 : Fama angla poeto.
35 11 17 31 37 57 64 53 60 65 : Tiun de E° Zamenhof konsistigis el 16 reguloj.
45 73 48 31 19 62 22 72 36 : Unuatempa savinto de E°.
75 47 52 53 80 13 3 39 33 34 : Frato de Zamenhof.
54 2 1 90 86 73 8 7 53 : Antaŭedziĝa nomo de S-ino Zamenhof.
18 23 59 68 67 15 53 48 : Antaŭnomo de Zamenhof.
31 16 36 9 25 : Romano esperantigita de Zamenhof.
90 6 38 88 14 60 : ĉefa kvalito de Zamenhof.
4 77 66 28 12 22 32 : Tia estis lia dumviva laboro.
29 68 61 27 89 36 : Fondinto de U.E.A.
26 69 70 41 5 55 56 71 46 53 30 : Zamenhof estis tre kompetenta sur tiu kampo.
44 43 44 52 85 : Unu el la pseŭdonimoj de Zamenhof.
87 40 59 10 73 91 42 49 39 60 : En tiu lando E° prosperas.
50 58 76 10 14 34 74 : Tion vi sentas post longa loboro.
82 81 63 51 83 20 : Samtempe ŝtofo kaj maparo.

(de A. RIBOT).

005. — ŜARADO.

Mia unua estas osta korpoparto,
Mia dua formas tutaĵon (sufikso)
La rezulton ofte bezonas motoro.
(de S-ro Schwing, en Strasbourg).

006. — ŜARADO.

Mia unua estas tre fleksebla
Mia dua estas aromriĉa legomo, tre ŝatata de la Provencanoj.
La rezulto ? Kia fia homo !
(de S-ro Schwing, en Strasbourg).

007. — KAPRICAJ KONSONANTOJ.

1. Ovala disko el vitro uzata por korekti la vidpovon
2. Ŝanĝu la kapon, kaj vi ricevos :
La spirito, la intelekto, kontraste kun la korpo.
3. Ŝanĝu denove la kapon, kaj vi ricevos :
Ago aŭ kapablo formi ideojn en la cerbo.
4. Ŝanĝu denove la kapon kaj vi ricevos :
Unu el niaj kvin kapabloj percepti eksterajn impresojn.

(de S-ro Motillon, en Tours)

008. — VORTLUDAJ ENIGMOJ.

1. Kiu rano havas nur du piedojn ?
2. Kiuj bestoj suferigas homon malvarmumintan ?
3. Kial ebria remanto estas simila al bovo ?
4. Per kiu litero oni povas fari juvelon ?
5. Kiuj negroj estas superaj al la aliaj homoj ?

(de S-ro Motillon, en Tours)

*
* *

## MISELEKTITA KOMPARILO

Iam, ekzistis granda malamo en la koro de iu monaĥo kontraŭ la parokestro de la najbara preĝejo kaj iun dimanĉon, li aŭdis sian malamikon klarigi tiel al siaj fideluloj tion, kio estas la Sta Triunuo.

« Fratoj miaj, konsideru forkegon ; ĝi konsistas el tri pikiloj ; tamen, la tri estas nur unu ilo ». — Kaj li forlasis la katedron.

Tuj poste, la monaĥo plej skandale raportis al la episkopo, kiu vokis la paroĥestron kaj lin devigis peti pardonon de siaj fideluloj pro la senrespekta komparado kaj trovi pli taŭgan komparilon. Sekve, la venontan dimanĉon, oni povis aŭdi tiujn vortojn :

« Karaj fratoj, mi eraris komparante la Triunuon al forkego kaj humile pardonpetas. Nun, bonvolu rigardi malantaŭen al Patro X... ; vidu : li estas tiel stulta kiel azeno, tiel malpura kiel porko kaj tiel hirta kiel virkapro ; tamen, la tri bestoj estas nur unu monaĥo ! »

Oni ne scias, ĉu la episkopo montriĝis kontenta !

---

008 — KRUCVORTOJ

| | I | II | III | IV | V | VI | VII |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | ■ | | | |
| 2 | | | | | | | |
| 3 | | | ■ | | ■ | | |
| 4 | ■ | | | | | | ■ |
| 5 | | | ■ | | ■ | | |
| 6 | | | | | | | |
| 7 | | | | ■ | | | |

*Horizontale.* — 1. Nedaŭra kutimo (R) ; Komercaĵo (R). — 2. Societo de sciencistoj, literaturistoj aŭ artistoj (R). — 3. Demanda konjunkcio ; Adverbo signifanta « sed krom tio ». — 4. Kvarpieda rapidkura ĉasbesto (R). — 5. Sendubiga aserto ; Instrumento (R). — 6. Temanta pri la amo. — 7. Grena provizejo (R) ; Memoriga skriba resumo (R).

*Vertikale.* — I. Sporta renkonto (R) ; Aproba interjekcio. — II. Optike farita lenso (R). — III. Rilatiga prepozicio ; Komparativa konjunkcio. — IV. Soldatoj en garnizono dum milita tempo (R). — V. Ekkria vorteto ; Seksa sufikso (R). — VI. Kontinento. VII. Multhava (R) ; Maldika peco de ligno (R).
(R) signifas ke temas nur pri la radiko de la vorto.

# DIVERSAĴOJ

## ESPERANTISTAJ EPISKOPOJ

Fine de la lasta sesio de la II-a Vatikana Ekumena Koncilio, en decembro 1965, romaj gesamideanoj multnombre vizitis 2 diservojn, kiujn celebris kun prediko en Esperanto episkopoj-esperantistoj, antaŭ sia reveno hejmlandon : la 5an de decembro aŭstria help-episkopo de Salzburg, mons. d-ro Edŭard Macheiner, kaj la 8-an de decembro jugoslavia episkopo de Banja Luka (Bosnio), mons. Alfred Pichler, kiu krome estas la prezidanto de la Internacia Sacerdota Rondo Esperantista en la kadro de I.K.U.E.

---

Klubo « Esperanto », E-grupo « Velo » kaj k-do A. Rogov preparas « La E-Antologio de Ukraina-poezio ». Ni petegas trarigardi malnovajn E-revuojn kaj sendi tradukojn el ukraina lingvo (prozo kaj poezio) laŭ adreso :

USSR, Kiev-57, Potje, 9, klubo « Esperanto »
Jaroslav Matvijiŝin

Novaj tradukoj estas petataj.

---

## KVINPINTO

La sveda junulara gazeto Kvinpinto havas en sia lasta numero (1, 1967) internacian diskuton pri la problemo de la helpo al neevoluintaj landoj. Kelkaj gejunuloj donas siajn opiniojn pri la demandoj ĉu edukado aŭ industriigo estas pli grava, pri bi — aŭ multilaterala helpo kaj pri familia planado.

La gazeto estas leginda ankaŭ pro la konstantaj rubrikoj, ekzemple la poezia paĝo, kiu en la lasta numero estas tre avantgardista, kaj la satira paĝo de Markus.

Kvinpinto estas abonebla por 4 skr (7 rpk) ĉe Kvinpinto, box 4235, Malmö 4, Svedujo. Unuopaj ekzempleroj de la lasta numero estas ankaŭ haveblaj por 1 :- sveda krono (2 respondkuponoj).

---

## SVISOJ EKSKURSIS EN FRANCUJO

La 9-an de aprilo, laŭ aranĝo de la Esperanto-grupo de Lausanne, kaj ĉefe de ĝia prezidanto Paul Arbenz, dudek Svisoj transiris la landlimon por ekskursi en la ĉirkaŭaĵo de Pontarlier.

Tie ili renkontis kelkajn samideanojn venintaj el Besançon. Ges-oj Turin gvidis ĉiujn al la rivero « La Loue ». Unue ili admiris la imponan fonton, poste supreniris al belvidejoj, de kie ili ĝuis belan panoramon de la pitoreska valo, kaj fine ili malsupreniris al urbeto Ornans, kie Samideano Clady akceptis ilin, kaj kondukis ilin al muzeo de la fama pentristo G. Courbet, kiu naskiĝis en Ornans kaj mortis apud Lausanne.

La bela vetero de tiu dimanĉo ebligis ekstere gajan tagmanĝon kaj rikolton de printempaj floroj.

La partoprenintoj planas venontan renkonton en Svislando.

---

## INTERNACIAJ ESPERANTA VESPEROJ

ĉiulunde, historioplena loko, 19 place des Vosges, ĉe Ma Bourgogne ĉi-monate en la kadro de *Festivalo du « Marais » !*

## ANONCETO

Lembit (kaj lia edzino Valli) Tangsoo, Männiku 14, TORVA, Estonio, USSR — serĉas amikajn leterkontaktojn kun francaj geesperantistoj pri diversaj temoj, precipe turismo, naturbelecoj, literaturo, arto, filmoj, kulturo, religio, filatelo kaj pri ĉio, kio nobligas homojn. Interŝanĝas poŝtmarkojn, bildkartojn, revuojn kaj librojn. Anonco validas ĉiam.

---

## DIVERSAĴOJ

*KIU POVOS HELPI* S-ron Reinhardt Haupenthal, Am Bahndamm 12 — 6603 Sulzbach-Saar (Germanujo) kiu, cele de bibliografiaj laboroj, nepre bezonas la sekvantajn gazetojn :

Dia regno : 8/60 — ĉio antaŭ 6/49.

Esperanto (U.E.A.) : 1905-11, 1914/15 : nro 175, 1916 : 193-94, 455-62, 464,74, 477-78.

Espero Katolika : 5/58 ; çio antaŭ 6/53.

Franca Esperantisto : 9/48, 3/51.

Se vi posedas kelkajn, bv sendi ilin rekte al li ; dankon !

---

## NI PROTEKTU LA KOMPATINDAJN BESTOJN

Ĉar inter ni, troviĝas multaj bestamikoj, ni volas informi vin pri la naciskala kampanjo iniciatita de S-ro René Guillaume, Prezidanto de l' « Association de Défense des Animaux des Forêts », 2, rue Vivienne Paris-2e. Lia celo estas protekti ĉiujn bestojn, sed precipe tiujn el ili, kiuj vivas en niaj arbaroj kaj neniel malutilas al la homo : cervoj, sciuroj ktp., kruele pafmortigataj de ĉasistoj pro la nura plezuro trafi la ĉasaĵon kaj mortigi.

S-ro Guillaume jam atingis ŝatindajn rezultojn, grupigante ĉirkaŭ si multajn personojn kaj presigante en la ĉefaj gazetoj pledartikolojn, kiuj vekis grandan intereson. En tiu laŭdinda kaj utilega kampanjo, estus bone, ke la Esperantistoj partoprenu ! Se vi konsentas helpi, aliĝu al la Asocio, kies minimuma kotizo estas 10 frankoj (C.C.P. Guillaume-Paris N. 1816-13).

---

## USONA KONGRESO
## 11-A IS OKAZOS EN WURZBURG

La 11a Internacia Seminario de Germana Esperanto-Junularo okazos de 27-12-67 ĝis 3-1-68 en la universitata urbo Würzburg (Main). La temo estas : Religioj kaj filozofio en la 20-an jarcento. Tiu seminario estas la dua en la serio de 6 seminarioj sub la ĝenerala temo « Esencaj trajtoj en la hodiaŭa mondo ».

Partoprenintoj de la lastaj IS-oj « aŭtomate » ricevos la Unuan Informilon, supozeble fine de majo. Aliaj iinteresuloj petu ĝin de GEJ-estrarano H. Behrmann, Volksschule Süd, 4972 Löhne-Obernbeck.

---

Esperantista Budo estas aranĝita ĉe la Orleans'aj Floralioj dank'al nia U.E.A. Delegito en tiu urbo, s-ro Delaire. Dum ses monatoj, la vizitontoj (2 milionoj atenditaj !) povos aŭdi pri Esperanto.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 8,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 5,00 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,80 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés .. | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto Vivant (P. Delaire) | 20,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,75 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 4,20 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 6,30 |
| La Fundamento, broŝurita, p. de A. Aibault | 13,50 |
| Ne kiel Meier ! (R. Schwartz) | 2,00 |
| Nos premiers pas en Esperanto (avec disque) | 2,50 |
| Espéranto - Eclair | 1,00 |
| Manuel préparation Kapableco | 6,00 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien) | 33,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 6,00 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,30 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado ((Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 20,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 9,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), bindita | 19,00 |
| Boulogne 1905 Testo Kaj Triumfo | 2,50 |
| La Homaranismo de Dro Zamenhof | 2,50 |
| Aŭtografoj de D-ro Zamenhof | 2,50 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 3,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 6,00 |
| La Ĝoja Podio (R. Schwartz) | 6,00 |
| La Huado Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,40 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 16,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| La Dia Komedio (luksa eldono) | 60,00 |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj | 4,00 |
| Hamleto (tr. L.-L. Zamenhof) | 14,00 |
| Fabeloj de H.C. Andersen (tr. L.-L. Zamenhof), IV vol. | 16,50 |
| Fabeloj de H.C. Andersen (tr. L.-L. Zamenhof), I vol. | 15,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Naŭzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 20,00 |
| Sen Eliro (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 8,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 5,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. | 15,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |
| La Eta Princo, broŝurita — Trad. P. Delaire .. | 14,50 |
| Hamleto (tr. Newell) | 12,00 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 4,50 |
| Sankta Biblio, bindita | 15,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 1,80 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |
| La Kunprinclando Andoro (ilust.) | 7,50 |
| Gvidlibro Tra Parizo (Julieta) | 12,00 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques et 7 livrets | 84,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe), ĉiu | 10,00 |

| | |
|---|---|
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10) ..** | **10,00** |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF; 15 % jusqu'à 20 NF; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris Xe. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier

Le Gérant : A. BOURDEAUX.